II Jaro. XVIII Num. 1918 Junio.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S-RO. GABRIEL ALOMAR

Elektra Inĝeniero.—Prezidanto de Esperanta Klubo Palma.—Palma de Mallorca

# La lingvo de la Internacia Ligo kiam la Paco regos

Same kiel post ventego kaj fulmotondraro estas trankvila vetero, post detruo kaj malamo estos amikeco kaj konstruo.

Tiuj kiuj nun estas amikoj pro tio ke ili fumas la saman pulvofumon, kaj miksas kriojn kaj sangon, poste estos amikoj kaj fratoj ĉar ili miksos laborojn, elpensojn kaj sentojn. Amikeco kiu naskiĝis en terura milito sur sanga kamparo neprodukta—Ve! dolora nasko!—kreskos kaj disvolviĝos en la bela, forplena kaj parfumriĉa ĝardeno de la Civilizacio.

Unuigo donas forton. Ju pli unuigita estos Homaro des pli pova ĝi estos. Tion tre bone scias nacioj saĝaj kiuj projektas fari Internacian ligon. Tiel, tiuj nacioj laboros multe pli kaj la laboro estos pli utila.

Sed ili bezonas bone interkompreni sin reciproke; alie, same kiel antaŭe, ĉiu nacio devos labori izolita.

Rememoru kial la konstruado de la babela turo malsukcesis.

Sin trudas, do, la uzado de difinita lingvo kiel internacia komprenilo.

Kiajn ecojn devas havi tia lingvo?

1.ª—*Ĝi devas esti tre facila.*

Alie nur kelkaj homoj ellernos ĝin, ĉar iuj ne povos ĝin lerni tial ke ili ne alkutimiĝis al malfacilaj lernadoj; iuj ankaŭ ne ĉar la profesiaj laboroj malpermesos al ili lernadon kiu postulos kelkajn horojn dum kelkaj jaroj. Profesoro estos necesa longan tempon, kaj tio estos multekosta.

Certe nur malmultaj homoj atingôs, iam, bone uzi la malfacilan lernitan lingvon.

2.ª—*Ĝi devas esti neŭtrala.* Tio estas ĝi devas aparteni al nenia nacio por ke ĝi bone povŭ aparteni al ĉiuj.

Alie naciaj ĵaluzoj estos nekontraŭstareblaj baroj.

Nacio kiu trudos sian idiomon, kredeble baldaŭ trudos sian literaturon, kiu estos heroldo de ĝiaj moroj, pensmanieroj, teorioj, filozofio, moralo, artoj, sciencoj kaj eĉ leĝoj.

Tio tute ne devas esti, kaj tio tute ne povos esti.

Oni devas akcepti, do, artefaritan lingvon tre facilan, tre internacian, kiu estas parolata de multaj homoj en ĉiuj landoj, kaj kiu per kelkaj Universalaj Kongresoj kaj per riĉa kaj bela literaturo mirinde kaj brile sukcesis.

La sola artefarita lingvo kiu havas ĉiujn postulatajn ecojn estas Esperanto. Konkuranton ĝi ne havas.

Esperanto estas dolĉa ligilo ĉar ĝi estas idiomo de Amo kaj Frateco. Ĝia elpensinto ĉiam sentis amon; nur amon. Li formis Esperanton en la cerbo, sed naskis ĝin per la koro. Por tiu neforgesinda, bonega, genia, glora viro, ĉiuj homoj estis fratoj liaj. Bedaŭrinde por li, sed feliĉe por Esperanto, li ne havis patrujon. Li ne atingis vidi... Nun ankoraŭ ne alvenis la epoko kiam... Por li la Morto marŝis pli rapide ol la Historio.

Esperanto estas tre facila, tre bela, tre internacia lingvo akceptita kaj parolata de ĉiuj landoj. Ĝi apartenas al nenia nacio, kaj tial al ĉiuj apartenas.

Oni, do, devas elekti Esperanton, kaj certe Esperanto estos elektata.

*Rafael de San Millán*

*Rimarkigo de la Redakcio.*—Oni devas traduki ĉi tiun artikolon kaj ĝin aperigu sur la hispana ĵurnalaro.

---

# La Rabistoj el Schiller

**(Tradukita de Zamenhof)**

## ELĈERPAĴOJ

Antaŭ longe mi legis ĉi tiun verkon de la Majstro; ĉe la legado mi substrekis kelkajn frazojn kaj vortojn kiuj alvokis mian atenton. Mi intencas relegi la libron kaj ĉi tion transkribi la, laŭ mi, rimarkindajn esprimojn.

*Pri* mia filo li skribas?—Se vi estas malsana, se vi havas nur la plej malgrandan antaŭsenton fariĝi *tia*, tiam lasu min...

Lasu min *antaŭe* iri flanken kaj verŝi larmon de kompato *pro* mia perdita frato...

La fingron de mia mano mi donus, *ke* mi povu diri, ke li estas mensoganto. Pardonu min, *ke* mi ne lasas vin mem legi la leteron.

Lepsiko 1 de Majo.

Se min ne ligus nerompebla promeso ne kaŝi *antaŭ* vi... neniam mia senkulpa plumo fariĝus tirano *kontraŭ* vi.

*El* cent leteroj *de* vi mi *povas* kompreni, kiel *tia* specaj sciigoj kredeble traboras vian fratan koron.

Hieraŭ noktomeze, farinte *antaŭe* kvardek mil dukatojn da ŝuldoj.

Li decidis forkuri de la justeco *kune kun* sep aliaj.

Patro, kio fariĝas *al* vi?

Maljuna Moor ploras maldolĉe.

Kaj la pfenigojn, kiujn li *elturmentadis* de vi (eligadis turmente).

Se mia koro ne batus *por* li tiel varne!

Vidu tiun ĉi malkaŝemecon, kiel bele ĝi aliformiĝis en arogantecon (mova akuzativo).

Per kunmetitaj manoj dankas vin, ho ĉielo, la malvarma, seka, ligna Francisko por *tio*, ke li ne estas kiel ĉi tiu!

Ne *koleru patron* kiu trovas sin trompita en siaj esperoj (koleru kontraŭ...)

Li viŝos larmojn el viaj okuloj

Dio vin benu *por tio, kio* vio por mi estis kaj estos!

Ke li ne estas patro *al tiu.*

—

Ne havi *plu* patron (pli rilatas kvanton, plu tempon).

Ke li neniam venu antaŭ miajn okulojn.

Li plorakiros vian kompaton, flatakiros vian pardonon.

Mi havas grandajn rajtojn *koleri la naturon* (koleri je la naturo koleri kontraŭ).

La rajto loĝas ĉe la venkinto.

Brava ĉifonfiguro por *forlimigi* paserojn de ĉerizarboj! (forigi timige).

Tial kuraĝe *transen*!

Bilbao, la 1-an de Marto de 1918.

*Victor O. de Allende*

# SEVILJA KATEDRALO

Ĉi tiu grandega templo staras sur la suda parto de la urbo kaj ĝian konstruon oni komencis je 1403ª kaj finis je 1506ª; sed la 28-an de Decembro de 1511ª subite falis la luksa kupolo kaj lanterno, kiu arogante kronis la konstruaĵon kaj kiun oni rekonstruis de tiu dato ĝis 1519ª kvankam ne tiel majeste.

La grandpreĝejo estas izolita, je 115'50 metroj longa, 75'60 larĝa kaj alta 44'08 metroj. Ĝi havas naŭ portalojn kiuj enhavas ĝiajn pordegojn: tri, oriente; unu, sude; du, okcidente, kaj tri, norde. La ĉefa estas tiu tra kiu oni povas eniri rekte en la granda navo, kaj estas la centra el tiuj orientaj.

Estus tre longe priskribi la artajn detalojn kiujn enfermas kaj elmontras ekstere ĉi tiu grandega preĝejo; ĝi estas vera muzeo de la vidpunktoj arĥitektura, skulpta kaj pentra. Tamen, ni citos iujn el la plej rimarkindaj.

La ĉefa kapelo entenas belegan altaron gotikan el ligno neputriĝebla. Ĝin desegnis Danchar je 1442ª kaj estas la plej granda de Hispanujo; ĝia ornamaĵoj estas tre delikataj kaj ĉiuj religiaj aferoj estas elmontrataj per statuoj kaj skulptaĵoj je preskaŭ natura amplekso, belegaj, kaj faritaj de famaj artistoj kiel Jorge Fernández Alemán inter aliaj. La sankta ŝranketo estas el arĝento kaj farita de la fama arĝentlaboristo Francisco Alfaro. La grandaj kradoj estas tre artaj kaj faritaj de Francisco Salamanca, Sancho Muñoz kaj Juan Lope, famaj forĝistoj. La predikejoj estas riĉege ornamitaj; skulptaĵoj reprezentantaj la Evangeliistojn kaj scenojn el Apokalipso. La sakristio de

ĉi tiu kapelo elmontras belajn pentraĵojn de Alejo Fernández kaj de la dia Morales. Ekstere de la muro fermanta la postaĵon de la kapelo, oni admiras pentraĵon de Murillo (Naskiĝo de la Virgulino) kaj alian de Céspedes.

La ĥorejo okupas la kvaran kaj kvinan arkaĵojn de la ĉefa navo. Ĝia kradfermilo, kiun desegnis Sancho Muñoz je 1519, estas tre arta. La seĝaro estas gotika konsistanta el 127 sidlokoj; la librotenilo estas belega artaĵo farita de Bartolome Morel je 1570a, kaj la preĝlibroj tre rimarkindaj kaj famaj pro siaj delikataj ornamoj kaj miniaturoj kiuj ilin elmontras, kiujn faris je 1416a Luis Sánchez. La orgenoj sidas inter la kolonoj de la kvara arkaĵo kaj nuntempe estas rekonstruitaj de Aquilino Amezcua, ĉar la antikvaj estis detruitaj de granda defalo okazinta je 1888a. Oni povas certigi ke ili estas la plej bonaj orgenoj de la tuta Hispanujo pro la riĉeco kaj sonoreco de siaj diversaj sonorigiloj. De unu el iliaj klavaroj oni povas ludi ambaŭ orgenojn samtempe, ĉar iii elektrike komunikiĝas. Kelkaj belaj pentraĵoj de Pacheco kaj *la maljuna* Vidal riĉigas ankaŭ la murojn de la ĥorejo.

Detale oni ne povas priskribi ceterajn 37 kapelojn de tiu grandega katedralo, plenaj je ĉiaj artaĵoj faritaj de la plej famaj artistoj. Inter la pentristoj estas citindaj Antonio Ruiz kiu estis lernanto de Arfian, kaj Alonso Vázquez (1504); Hernando Sturmio, Carlos Marata, Alonso Cano, Herrera *(la fraŭlo)*, Valdés Leal, Rodas, Murillo, Velázquez, Villegas Marmolejo, Luis de Vargas, Alonso Miguel, Juan Núñez, Zurbarán, Morales *(la dia)* k. c. Inter la plej famaj skulptistoj, Jerónimo Hernández, Juan Font, Vallmitjana, Ricardo Bellver, Martínez Montanés, Miguel Florentín, Duque Cornejo, José Ordóñez, J. Bilbao, k. t. p.

Tamen ni diros ion pri la reĝa kapelo, desegnita de Martin de Gainza. Ĝi estas longa je 22'57 metroj, larĝa je 16'34 kaj altaje 52'54. Gi enhavas 12 statuojn el ŝtono reprezentantajn naturstature la reĝojn de la Antikva Testamento. Ĉe la piedo de la ĉefaltaro kaj gardita de bronza barilo, staras urno el arĝento, bele ornamita, en kiu kuŝas la korpo de la sankta reĝo Ferdinando IIIa, kiu almilitis Sevilla'n. En apudaj tomboj kuŝas las restaĵoj de la reĝo Alfonso *(la Sciulo)* kaj tiuj de lia patrino Beatriz de Suavia, edzino de la sankta reĝo. Ankaŭ en la tombejo de la kapelo kuŝas la restaĵoj de la reĝino María de Padilla; tiuj de la reĝo Petro Ia de Kastilujo kaj de lia reĝido Juan; tiuj de la reĝido Fadrique de Trastamara; tiuj de Petro kaj Alonso, filoj de la reĝo Alfonso XIa de Kastilujo, kaj tiuj de la grafo Floridablanca. Oni konservas tie la glavon de Ferdinando IIIa. Riĉa, dika kradfermilo, alta ĝis la kornico, finiĝanta per rajdanta fera bildo de la Sankta reĝo, kiu ricevas de Azsataf la ŝlosilojn de Sevilla, inde fermas tiun ĉi belegan kapelon.

Priskribi la ĉefan sakristion, la belaĵojn kaj kuriozaĵojn kiujn enfermas ĝi pri vestaĵoj por la kulto, juveloj, pentraĵoj kaj skulptaĵoj, postulas multajn paĝojn, same kiel la pordegojn de tiu ĉi rimarkinda kaj vizitinda monumento religia, unu el la plej famaj de Hispanujo kaj eĉ de la tuta mondo.

*Trinidad Soriano*

---

# Por solene honori nian karegan Majstron

D-ro L. L. Zamenhof mortis. Nia kara Majstro forlasis la mondon kiam nur la malamo kaj la malkonsento regas la homaron kaj pri tio neniu povas dubi; la nuna kruelega milito klare elpruvas ĝin. Oni oficiale kaj certe ne scias la kaŭzon de la morto de la elpensinto de la internacia lingvo Esperanto; ankaŭ oni ne scias la malsanon kiu mortigis la neforgeseblan Kreinton de nia bela idiomo; sed estas kredeble, ke kiu ajn estis tiu malsano, la morto de nia bonanima Majstro akceliĝis, ĉar Li vidis kaj konvinkiĝis ke ĉiaj homoj diversnaciaj el la militantaj landoj, anstataŭ ili ami sin reciproke, ili malamas unu la alian,

anstataŭ ili peni por interkonsenti kaj atingi veran pacon por ĉiuj popoloj, ili fiere daŭrigas la terurajn batalojn; anstataŭ ili pace interkomuniki siajn dezirojn por ke tiu hommortigo ĉesu, ili ŝajne deziras la mortiĝon de siaj propraj fratoj, ne la bonon kaj la progreson por la homaro; ili deziras, almenaŭ ili pruvas tion, la detruon de Eŭropo aŭ pli bone ni povas diri la detruon de la mondo, ĉar la nuna milito jam ne estas nure eŭropa, ĝi estas preskaŭ tutmonda.

Tial, ke nia plorata D-ro L. L. Zamenhof mortis ne vidinte tute efektivigitaj sian projekton kaj idealon, kiun Li revis, kiun Li deziris kaj fide esperis sukcesigi per sia mireginda kreaĵo; tial ke Li, nia glora Majstro, kontraŭ sia plej granda deziro ne povis vidi, ke ĉiuj homoj sincere amas sin reciproke, ke ĉiuj ili pace interkomunikas ĉiajn pensojn kaj ideojn, ke vera paco regas la tutan mondon kaj ke ĉiuj mondloĝantoj estas kvazaŭ fratoj; tial, ke Li povis vidi nenion el tio, estas kompreneble, ke Li lastafoje fermante siajn okulojn por ne plu remalfermi ilin, sentis malgajon en sia pura koro, glaciamalvarmon en sia cerbo pensante, ke adiaŭante la mondon Li ne estis povinta atingi, kion dum tiom da jaroj Li entuziasme kaj klopode diskonigis al kelkaj miloj da disciploj por, ke ili daŭrigu Lian bonfaron por la bono kaj por la progreso de la homaro. La lasta momento el la vivo de nia karega Majstro devis esti kruelega, terura, senkonsola, malgajega.

Ĉiuj, kiuj estas samideanoj de tiu eminenta viro, kiu dum sia vivo estas D-ro L. L. Zamenhof, la neforgesebla elpensinto de nia kara Esperanto kaj de ĉiuj geesperantistoj konata, estas devigataj honori iel ajn nian gloran Majstron. Por tiu celo oni povas verki artikolojn, kiujn publikigos ĉiaj ĵurnaloj kaj revuoj; okazigi funebrajn kunvenojn ĉe esperantistaj Societoj, k. t. p., kvankam tio ne estas tre taŭga kaj efika nek sufiĉa, almenaŭ mi tion opinias, por honori la Kreinton de Esperanto. Sed, kiel mi jam diris, ni nepre devas honori la gloran mortintan saĝulon kaj tion ni devas fari, laŭ mia opinio, tiel bone, solene kaj publike, kiel ni povos; tial mi tute dividas kaj akceptas la proponon, kiun al la tuta esperantistaro igis unu el la hispanaj asocioj esperantistaj, la Zamenhofa Federacio, kiu proponis starigi en Parizo grandiozan monumenton al nia karega kaj neforgesebla Majstro. Mi el tuta mia koro aprobas la nomitan projekton, ĉar mi kredas, ke ĝi estas la plej bona maniero elmontri al la tuta mondo, ke Esperanto ne estas mortinta lingvo, ke nia movado estas vigla kaj progresa, ke nia afero estas grava kaj serioza kaj laste, ke malgraŭ, ke nia eminenta Majstro mortis, ni, Liaj disciploj, estas eĉ pli unuigitaj ol antaŭe por disvastigi ĉiuj kune nian internacian lingvon kaj estas pretaj entuziasme propragandi ĝin kvankam tio estus nure por honori la rememoron de D-ro L. L. Zamenhof; tamen la starigo de la aludita monumento estas sufiĉa por atesti al Li nian tutkoran aliĝon, nian fidelan estimon kaj nian sinceran dankemon por Lia bonfaro kaj por Lia multemeritega kreaĵo.

Geesperantistoj el ĉiuj landoj: kunhelpu la projekton de Zamenhofa Federacio kaj tiel ni dece kaj solene honoros nian senmortan Majstron.

*Narciso Bofill*

---

# PRINTEMPO

*Al mia amiko Jacinto Comella*

La vasta terebenaĵo gajigas nin, tiel bele ĝi montriĝas: abundaj kaj variaj floroj nuancas la kampojn kaj parfumas la aeron. Malproksimen staras la silueto kvazaŭ blua de la montaro kaj ĉe la horizonto ŝajnas ke la pintoj de la Pireneoj blankigitaj de la neĝo tuŝas la bluan ĉielarkaĵon.

La norda venteto jam ne estas malvarma kiel dum la vintro. La pura aero estas enspirinda. La rapidflugantaj hirundoj jam alvenis kaj la najtingalo, la reĝo de la kantantaj birdoj, aŭdigas siajn trilojn en la aleoj kaj ĝardenoj...

.........................................

Dum la naturo proponas al ni fratecon kaj amon, la homoj, superaj kreitaĵoj, mortigas sin reciproke; la fruktodonaj kamparoj ŝanĝiĝas je tombejo vastega pro tiel granda buĉado kaj la sango de la homoj ruĝigas la riverojn.

.........................................

.........................................

Kiam Esperanto regos la homan koron; kiam ĝia *interna ideo*, kaj la doktrinoj de nia senmorta majstro Zamenhof triumfos, tiam ne estos plu militoj kaj la paco kaj frateco regos la Homaron.

*Johano Serra*

Vich, 3-4-18.

# PRI REFORMOJ

Kun intereso kaj simpatio mi legis sur februara numero de HISPANA ESPERANTISTO artikolon pri reformoj, de la distinginda esperantano S-ro Victor O de Allende, el Bilbao.

Malgraŭ la antaŭ nomita samideano estas tute prava, kaj aplaŭdi devas ĉiuj fervoraj esperantanoj lian decidon «Lasi la reformulojn», mi, nenion dirus pri tiu malagrabla afero, sed la ne esperita ricevo de revuon kies redaktoro estas la reformulo Saussure, devigas min defendi nian veran Zamenhofan ideon.

Se tiuj sinjoroj kiuj pretendas reformi ĉu Esperanton, ĉu ĝian alfabeton, laborus sincere, tiam ni povus danki ilian klopodon kaj bonan intencon, kvankam ni ne estus konformaj, sed nun, neeble!!

Ĉiuj reformuloj aperintaj ĝis nun laboris sole kaj ekskluzive por sia privata profito kaj kontraŭ nia lingvo. Esperanto estas tro granda elpenso (ili ne atentis pri tio) por ke iu ajn reformpretendulo povu per sia malbona agmaniero malsukcesigi ĝin.

Vere ni devas ilin lasi, jes; sed kiam ili ne estu minaco por nia vera idealo.

Kontraŭ ilia malbona laboro ni devas propagandi senĉese, ni ne permesos ke Esperanto estu aranĝita al angla, franca aŭ al alia privata maniero.

Kio devus atentigi nin, multe pli dum la nunaj malfeliĉaj cirkonstancoj, teruraj por la tuta mondo kaj eksterordinare por nia movado, estas vera laboro, kies rezultato devus esti post la nuna ruiniga sovaĝa milito, internacia kunfratiĝo.

Ne estas seriozaj, utilaj nek sinceraj la deziroj reformi nian lingvon. Kion ĝi bezonas estas fervora, aktiva kaj senlaca propagando, neniam reformulojn! Kiam Esperanto estu forta ni pensos ĉu ĝi estas reformebla, nuntempe estas devo de ĉiuj la fervoruloj labori, ĉiam labori kaj lasi la reformulojn.

*Francisko Piñol*

Delegito de U. E. A. kaj de Zamenhofa Federacio (Barcelona).

*Rimarkigo de la Redakcio.*—Neniam ni publikigos ion ajn pri Esperantaj reformoj. Ni konservos nian lingvon kiel netuŝeblan sanktaĵon, heredita de nia kara Majstro. Atenti pri proponoj de geniulaĉoj estas ofendo al D-ro Zamenhof. Nekapablaj multaj esti elpensintaj internacian lingvon, ili ambicias ŝteli iom da gloro al la kreinto de Esperanto. Ne, tute ne! Antaŭen, karaj gesamideanoj! Ni triumfigu Esperanton!

# La Grafoj de Palazuelos

(HISPANA LEGENDO)

**Originale verkita de *Julio Mangada Rosenörn*.**

*(Daŭrigo)*

—Rimarku, kavaliro, kiel tremas la perfidulino! Certe intencas perfidi vin ankaŭ!—rediris la monaĥo.

—Vi eraras, respektinda maljunulo. Ŝi deziris savi vin, sed la malsaĝeco de la eskortestro ne aŭskultinte ŝin kaj preskaŭ ŝin mortiginte, pereigis ilin. Mi, sciinte pri via vojaĝo, rapidigis mian iradon en via renkonto, kaj tion mi estus atinginta, se mi ne haltus flegi ŝin. Poste ŝi rakontis al mi



PORTALO DE LA MONAĤEJO SANTA PAULA (SEVILLA)



REMPAROJ DE L' ALCAZAR (STRATO VIDA - SEVILLA)

la okazintaĵon kaj mi multe bedaŭras tion, kion ŝi volis eviti—tiel dirante, la junkro saltis teren kaj aldonis: —rajdu, mi tenados la bridojn por ke la ĉevalo marŝu trankvila kaj ĉi tiu malfeliĉulino gvidos nin en Córdoba'n.

La monaĥo ekrajdis dirante: —Dio rekompencu vin, bonkora junkro.

Ili marŝadis tiel rapide kiel permesis la peza armaĵo de la kavaliro, kaj feliĉe, je la meztago, ili alvenis al gastejo de Córdoba, mirigante ĉiujn kordobanojn la stranga grupo kiun formis la rajdanta monaĥo, la armita junkro kaj la sorĉistino. La monaĥo demandis al la junkro lian nomon kaj pri lia destino, kaj, redankinte lian bonan faron, adiaŭis lin.

La junkro ne atingis restigi la sorĉistinon kaj lokumi ŝin en la gastejo, kaj ankoraŭ li ne estis demetinta sian armaĵon, kiam venis en lin konfuza kriado kaj interjekcioj: «Mortigu ŝin! Mortigu ŝin!» Subite li pensas pri *Fátima* kaj rapidiris en la straton ĝustatempe kiam la popolamasaĉo estis trafanta ŝin, kiu kuris rifuĝi al la gastejo.

La junkro eligante la spadon kaj sin metante inter la sorĉistino kaj la popolamasaĉo, haltigis ĉi tiun ekkriante: —Haltu, malkuraĝuloj! Respektu ĉi tiun malfeliĉulinon! Kiu kuraĝos ŝin tuŝi...!

—Ŝi estas sorĉistino! Oni devas bruligi ŝin!—ekkriis la popolamasaĉo.

—Ŝi estas kompatinda malfeliĉulino. Kompatu kaj respektu ŝin!—rediris la junkro.

La popolamasaĉo, rimarkinte la sintenadon de la kavaliro, silente disiĝis.

La junkro kaj la sorĉistino eniris en la gastejon, kaj tiu konvinkis la mastron, kiu ne volis akcepti *Fátima'n*, ĉar ceteraj gastoj protestis, ĝis kiam la junkro, rakontinte la okazintaĵon konita de ni, konvinkis ilin.

Demetinte la armaĵon, momentojn poste, la junkro sin preparis eliri el la gastejo, kiam la mastro anoncis al li alvenon de reĝa paĝio, kiu demandis pri li.

—Nu; mi scios kion li deziras—diris la kavaliro, elirante renkonti la paĝion al kiu diris: —jen mi, je via dispono.

—Nia reĝa Moŝto ordonis min diri al vi, ke Li vin atendas.

—Sed...!

—Ne demandu al mi, ĉar mi povas diri al vi nenion. Akompanu min kaj la Reĝo mem klarigos al vi la aferon.

La junkro eniris iom konfuza en la reĝan palacon, kaj surpriziĝis kiam li vidis apud la Reĝo la maljunan monaĥon, kiun li renkontis kaj helpis; kaj la Reĝo, rimarkante lian embarason, diris:

—Alproksimiĝu, kavaliro! La venerinda pastro, kiun vi helpis, rakontis al mi tion kion vi faris; ke li estus pereinta sen via bonfarado, kaj tial, perdita la sankta trezoro, kiun li estis portanta por mi de la naskiĝlando de la Savinto. Unue sciu, ke vi restos en la kortego, ke mi nomas vin oficiro, kaj ke mi vin rekompencos malavare, tamen, se vi ion deziras, petu.

La Kavaliro falis genue antaŭ la reĝo kaj parolis: —Mi nur deziras havi baldaŭan okazon pruvi al mia reĝa Moŝto mian fidelecon!

—Stariĝu. Vi faris sufiĉe por ke via Reĝo estu kontenta je vi. Nun—daŭrigis la Reĝo sin turnante al la korteganoj, kiuj ĉirkaŭis Lin—premu la manon de la Grafo de Palazuelos, unu el miaj plej bonaj kaj karaj oficiroj.

La nova grafo kisis la manon de la Reĝo kaj stariĝis.

Ĉiuj nobeluloj premis la manon de nia junkro, dum la korteganinoj parolis pri lia ĝentila sintenado kaj juneco, kaj, iom post iom, ĉiuj, korteganoj kaj korteganinoj, avidaj je scivolemo, ĉirkaŭis kaj gratulis lin pro la granda favoro kaj estimo de li ricevita. Certe kelkaj el tiuj gratuloj kaj laŭdoj nur estis flatoj de iuj enviantaj lian feliĉan sorton.

*(Daŭrigota)*

---

**Oni petas ke Manuskriptoj por la revuo estos kiel eble plej mallongaj kaj koncizaj.**

# KRONIKO

*Sabadell.*—Kun granda soleno la geanoj de «Praktika Fako de Esperanto» kunvenis ĉe la sidejo de «Aplec Esperanta Grupo» la 14-an de Aprilo por okazigi nekrologian vesperfeston pro la unua datreveno de la morto de nia amata Majstro. Prezidis la kunsidon S-ro Bracons kiu senteme parolis kaj dediĉis al Li, altvalorajn pensaĵojn. S-roj Sobré, Casanovas, Comadrán, Ullar kaj Miró paroladis pri Lia vivo. Deklamis F-inoj Bracons, Miró kaj Comas.

La eminenta scienculo, membro de la Hispanamerikana Societo Astronomía el Barcelono, S-ro Mariano Anglada, faris elokventan paroladon la 28-an de Aprilo pri la temo «La aero kiel sanigilo».

Post multaj klopodoj oni atingis oficialan invitilon por viziti la famkonatan aŭtomobilkonstruejon «Hispano-Suiza», kies diligenta kaj sperta direktoro akompanis vizitantojn klarigante ĉiajn fakojn de la fabriko kiu estas vizitinda kaj admirinda. Ĉi tiu vizito okazis la 12-an de Majo.

Pli ol tridek lernantoj ĉeestas la kursojn, ili baldaŭ fariĝos entuziasmaj kaj senlacaj batalantoj.

—

*Córdoba.*—La tre grava Asocio de Komercoficistoj de ĉi tiu urbo kaj provinco, kiu senĉese laboras por plibonigi ilian staton, kaj kiu eldonas propran gazeton, unuanime voĉdonis en ĵusa ĝenerala kunveno ke ĝiaj delegitoj por la IX^a^ Nacia Kongreso de Komercoficistoj en Madrido prezentu proponon pri enkonduko de Esperanto en ĉiuj Asocioj de Komercoficistoj kaj malfermo de kursoj.

—

*Madrido.*—En la popoldomo, la 27-an de Majo oni malfermis la IX-an Kongreson Nacian de Komercoficistoj, kaj unu el decidoj voĉdonita estis propono de la delegitoj de Córdoba pri enkonduko de Esperanto en la Asocioj de Komercoficistoj. La proponintoj, S-roj Rogelio Luque kaj Manuel García Berral estis entuziasme helpitaj de delegitoj de aliaj urboj kiuj ankaŭ estas estas esperantistoj. La kongresanoj, atentinte la gravecon de nia kara lingvo, voĉdonis favore la proponon de la Cordoba'j delegitoj.

—

*Santander.*—Ĉi tiea Grupo malfermos someran kurson. Sufiĉe bone sukcesis la ordinara kurso tial ke la esperanta agado de la junaj kaj entuziasmaj esperantistoj de ĉi tiu urbo esperigas gravan sukceson.

---

Oni petas al Protektantaj Zamenhofanoj, kiuj ankoraŭ ne sendis siajn kotizaĵojn, ke ili tion faru kiel eble plej baldaŭ.

---

LISTO DE MONDONACINTOJ POR STARIGI MONUMENTON AL NIA MAJSTRO

| | Pesetojn |
|---|---|
| S-ro Narciso Bofill.—Zamenhofano el Palma de Mallorca | 25,00 |
| S-ro Julio Mangada.—Sekretario de Zamenhofa Federacio, Madrid | 10,00 |
| S-ro Trinidad Soriano.—Zamenhofano kaj Prezidanto de Andaluzia Federacio. Sevilla | 25,00 |
| S-ro Rafael de San Millán.—Prezidanto de Zamenhofa Federacio. Madrid | 25,00 |
| S-ro Ricardo Codorniu.—Honora Prezidanto de Zamenhofa Federacio. Murcia | 5,00 |
| S-ro F. Serrano Olmo.—Delegito de Zamenhofa Federacio. Cordoba | 5,00 |
| S-ro Bernardo Trincado.—Zamenhofano. Puente-Caldelas | 2,50 |
| S-ro Pantaleón Marivela.—Zamenhofano. Cordoba | 2,50 |
| Sumo | 100,00 |

*(Daŭrigota)*

*Rimarkigo.*—Minimuma kotizaĵo *unu spesmilo* (2,50 pesetojn).

turniĝas ĉirkaŭ akso paralela je la tera akso kaj kun sama angula rapideco kiel la tero sed en kontraŭa direkto, *ekvatorialo*. Teleskopo por meridianaj observoj provizita per tuta cirklo gradita, *meridiancirklo*. Ilo por observi la astrojn celante determini la pozicion de la observanto, *astrolabo*. Ilo por mezuri angulan distancon inter du astroj kaj kies gradita cirklero ne superas 45°, *oktanto*. Oktanto kies gradita circlero atingas ĝis 60 kaj plejofte taŭgas por observi alton de astro super la horizonto de la maro; *sekstanto*. Gradita cirklero de astronomia instrumento, *limbo*. Sun horloĝa kompaso, *gnomono*. Ilo kiu moviĝas laŭ la movo de la suno kaj kiu projekcias al fiksa direkton la reflektitan radion de la suno, *heliostato*.

---

# GEOGRAFIO

II

Scienco pri la tero kiel parto de la universo kaj loĝloko de la homaro, *geografio*. Scienculo, *geografo*. Blua arkaĵo sin etendanta super ni, apogita sur la ekstremoj de la horizonto, *ĉielo*.

Gazoj, aero ĉirkaŭanta la teran globon, *atmosfero*.

Geografio pri la akvoj *hidrografio*. Loko kie akvo aŭ alia fluidaĵo eliras el la tero, *fonto*; vivege eliĝi en fluo, en gutoj, *ŝpruci*. La akvo, fluidaĵo, ŝprucante supren el fonto, *fontano*. Natura fonto el varma akvo, kiu intermite ŝprucas vertikale tre alten, *gejsero*. Aparato ŝpruciganta la akvon alten per la perforto, *fontano*. Loko aŭ konstruaĵo el kiu artefarite forfluas akvo, *fontano*. Ne profunda cirkla trogo el ŝtono aŭ metalo en kiun falas la akvo de fontano aŭ ŝprucfontano, *vasko*. Truo elfosita en tero kie kolektiĝas akvo el fonto, *puto*. Borita puto el kiu la akvo ŝprucas per si mem, *arteza puto*. Ilo por malkovri subteran akvon, *hidroskopo*. Likvaĵo kiun ensorbis rokoj aŭ teraĵoj kaj kiu eliras malrapide tra tiuj ĉi, *enfiltraĵo*. Rapidega fluo, *torento*. Mallarĝa kaj profunda fendo en monto ĉe kies fundo fluas torento, *kluso*. Granda akvujo de fluanta akvo, *rivero*. Parto de rivero kuŝanta al ĝia fonto, *almonto*; kontraŭa senco, *alvalo*. Parto de rivero kie la akvo fluas multe plirapide pro tre granda deklivo *rapidfluo*. Artefarita rivero por navigado aŭ verŝigado, *kanalo*. Akvobaro sur kanalo, sur rivero por konservi la nivelon de la akvo, *kluzo*. Plej malalta nivelo atingita de rivero kaj kiu servas kiel lim punkto por mezuri la altecon de la riveraj niveloj, *plej malalto*. Akvoj de rivero, malsupren falante *akvofalo*; malgranda akvofalo, *kaskado*; granda, *katarakto*. Regiono en kiu fluas ĉiuj riveroj kiuj kuniĝas en alia rivero, *baseno*. Amaso da sablo, da ŝlimo ĉe la enfluejo de rivero en la maro, *baro*. Triangulo formata de marbordo kaj de la brakoj de disiĝita rivero ĉe ĝia enfluejo, *delto*. Granda akvujo de sala akvo, *maro*. Granda maro, *oceano*. Mallarĝa spaco de maro aŭ rivero laŭ kiu ŝipo povas pasi, *pasejo*. Plej profunda parto de pasejo, *ŝanelo*. Akvujo kun densa senflua akvo, kun mola fundo, konsistanta plejparte el malkomponiĝintaj vegetaĵoj, *marĉo*. Akvujo de ĉiuj flankoj ĉirkaŭata de tero, *lago*; akvujo nur de unu flanko kunigita kun la maro, *golfo*. Apudborda neprofunda parto de maro kun multaj insuletoj formanta kvazaŭ maro, *laguno*, *laguno de Venecio*. Mallarĝa longa golfo kun ŝtonegaj krutaj bordoj, *fjordo*. Neprofunda artefarita lagetaro en kiun oni enfluigas la maran akvon, kiun oni lasas elvaporiĝi por ekstrakti la entenitan salon, *salmarĉo*. En salmarĉo ĉiu fako kie la akvo elvaporiĝis, *darno*. Malprofunda salmarĉo kiu dum la somero sekiĝas kaj demetas salon, *ŝoto*. Indiaj marĉaj ebenaĵoj kovritaj de altaj herboj, *ĝangalo*. Solida parto sub granda amaso de akvo, *fundo*. Precipitaĵo de nesolveblaj materioj funde de trankvila akvo, *sedimento*. Surfundaĵo, tera substanco kovr-

anta la fundon de la senfluaj akvujoj, *ŝlimo*. La fundo de la maro, *grundo*. Mezuro de la maraj profundaĵoj, *batimetrio;* ilo, *batimetro*. Plumba maso ĉe ekstremo de ŝnuro per kiu oni sondas, *sonda plumbo*.

Ŝvelaĵoj kaŭzitaj de la vento aŭ de bato sur la akvoj, *ondoj*. Leviĝo kaj malleviĝo sur la supraĵo de moviĝanta fluidaĵo, *ondo*. Altaj ondoj kiuj kirliĝas apud iaj marbordoj, *baro*. Resalto de la ondo kiu retroiras malantaŭen post frapo kontraŭ barilo, kaj renkontas la aliajn ondojn en kontraŭa senco, *ondoresalto*. Konstruaĵo starigita sur marbordo ĉe la eniro de haveno, por nuligi la forton de la maraj ondoj, *ondorompilo*. Akva pulvoro elpelita de forta vento el la supraĵo de la ondoj, *marero*. Perioda kaj vertikala moviĝo de la supraĵo de la maro, *tajdo*. Parto de la tajda daŭro dum kiu la maro altiĝas, *fluso*. Ondo aŭ ondaro kiun oni vidas en la riveroj kiam la fluso alvenas en ili, *muskaredo*. Maksimumo de alteco kiun atingas fluso, *altmaro*. Tero limiganta akvujon, *bordo*. Leviĝo de la akvo de la maro kaj ĝia fluo al la bordo, *alfluo;* malleviĝo kaj fluo for la bordo, *forfluo*.

La tero kiel loĝloko de la homaro, *mondo*. *La partoj de la mondo estas kvin*. Granda teritorio kiun oni povas trapasi ne transirante la maron, *kotinento*. Parto de kontinento kiu antaŭkuŝas en la maro, *kabo*. Alta roko superstaranta la bordon de maro, *promontoro*. Mallarĝa akvujo kuniganta du marojn, *markolo*. Tera strio inter du maroj kunigαnta du kontinentojn, *terkolo, istmo*.

Natura altaĵo de la tero, *monto*. Malsupra parto de monto, *bazo;* supra, *pinto*. Geografio pri montoj, *orografio*. Loko inter montoj, *valo*. Linio formata de la plej malaltaj punktoj de valo, *talvego*. Montaro, *montoĉeno*. Pli malalta parto de montoĉeno, kie oni povas pasi, *montpasejo*. Spaco kvazaŭ koridoro inter du proksimaj krutaĵoj, *interkrutaĵo, interkrutejo*. Mallarĝa kaj profunda valo inter du montoj aŭ ŝtonegoj, *intermonto*. Profunda interkrutaĵo fosita de riveraj akvoj en kalkaj teraĵoj, *kanjono*. En montoj vojeto uzebla per muloj, *mulvojeto*. Alta ebenaĵo, *ebenaltaĵo, plataĵo*. Roka plataĵo, *rokplataĵo*. Alta loko kiu superas la ĉirkaŭaĵojn, *altano, belvedero*. Aro da montoj starantaj cirkle aŭ duoncirkle, *cirko*. Granda amaso da sablo amasigita de la vento, *duno*. Monto el kies supro eliĝas fandita varmega substanco, *vulkano*. La substanco, *lafo*. Malfermaĵo de vulkano, *kratero*. Granda amaso da neĝo glitfalanta de monto, *lavango*. Grandega ŝtono sur aŭ sub la supraĵo de la tero, *roko*. Subakva roko kies supro preskaŭ atingas la nivelon de la maro, *rifo*. Natura kavaĵo subtera, *antro*. Profunda kavo sub la tero, *kaverno*. Kavaĵo de tranĉa rando, *breĉo*. Kaverno en ŝtonego, *groto*. Senfundaĵo, abrupta profundegaĵo, *abismo*. Scienco pri la strukturo de la tera ŝelo kaj pri ĝiaj ŝtonegoj, *geognozio*. Loko, lando sen vegetaĵoj nek loĝantoj, *dezerto, dezerto de Sahara*. Fruktodona tero en dezerto, *oazo*. Tero de ĉiuj flankoj ĉirkaŭita de akvo, *insulo*. Insularo, *arĥipielago*. Tero kunigita kun la kontinento nur de unu flanko, *duoninsulo*. Triangula insulo inter la maro kaj du brakoj de rivero, *delto, la delto de Nilo*.

Scienco pri la mezuro de la surfaco de la tero, *geodezio*. Arto fari geografiajn kartojn, *kartografio*. Desegnaĵeto per kiu oni konsente riprezentas sur landkarto la diversajn partojn de la lando, *signo*. Nombro skribita sur karto por indiki la altecon de punkto, *kvoto*. Linio dividita en egalaj partoj esprimanta la malgrandigon de karto, *skalo*. Nombro esprimanta la saman malgrandigon, *skalo*. Scienco pri la verkado de maraj kartoj, *hidrografio;* scienculo, *hidrografiisto*. Karto je granda skalo kun la detaloj de la supraĵo de la tero, *plano*. Arto fari planojn, *topografio*. Fiksi la longitudon kaj latitudon de punkto, *determini*. Determino de ĉiuj punktoj al aliaj rimarkindaj punktoj naturaj aŭ artefaritaj de la lando figurota, *triangulado;* la rimarkindaj punktoj, *signalaĵoj*. Angulo formata de horizontala linio kaj difinita vertikala ebeno, kiuj sin sekcas ĉe la punkto kie staras la observanto, *azimuto*. Angulo formita de vertikalo kaj de linio trairata de l'observpunkto al celpunkto, *zenita distanco*. Azimuto kaj zenita distanco, *koordinatoj*. Ilo

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvo de la ŜAKĈEVALA MOVLUDO:

*La virinoj sin vestas pli cele por sin ornami, ol por esti vestataj.*

Sendis la solvon S-roj. Petro Naranjo kaj Luis Rodríguez el Jerez kaj Madrid.

## HIEROGLIFOJ

K AMO N | r f A

## VERBA LITERLUDO

Oni devas anstataŭi signojn per literoj.

● ■ / — ✽ □ ○

Profunde interniĝi.

● ■ / ✽ □ ○

Kolore reprodukti.

● ■ / ✽ ○

Bedaŭri pekon.

● ■ ✽ ○

Esprimi deziron por ricevi ion.

La solvo en venonta numero.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

Jesús Ramírez. - Strato Cabestreros, 10 kaj 12.—Madrid (Hispanujo), interŝanĝas poŝtmarkojn.

José de Posse, Advokato.—Apartado, 125. *Bilbao* (Hispanujo), deziras interŝangi poŝtmarkojn, precipe militpoŝmarkojn.

La gegrupanoj de la Grupo «Frateco» deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj. Adreso: Placo de Pí y Margall, 14. *Vendrell* (Hispanujo).

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell.* Hispanujo) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanujo).

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanujo, strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

S-ro A. Tomás Iglesias el *Santander* (Hispanujo), strato Cervantes, 13, deziras interŝangi pk. kaj pm. Pri pm. li uzas katalogon Ivert & Tellier-1916.

Infanoj lernantaj Esperanton deziras korespondadi pk. kun kamaradetoj samnaciaj kaj alilandaj. Adreso: Esperanta kurso por infanoj-Sd. Coral «Juventud Tarrasense».—*Tarrasa* (Hispanujo).